Jaro 14 februari 1962 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**
LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA
Sekretariejo: Da Costakade 50, Utrecht, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



Centra Domo de la Konstruaj Laboroj, nia kongresejo en Budapeŝto

# Jen estas Hungario
# La Lando De Nia 14-a

En la mezo de Eŭropo, en la baseno de la Danubo, ĉirkaŭata de l' Karpatoj etendiĝas Hungario. Sur tiu ĉi teritorio — okupanta centmil kvadrat-kilometrojn — vivas preskaŭ 10 milionoj da homoj.

Antaŭ multaj jarmiloj estis altaj montaroj sur tiu ĉi tero. Ĉi tiuj altaj montoj enprofundiĝis, aŭ la forto de la naturo neniigis ilin. La plej granda parto de la hodiaŭa Hungario estas ebenaĵo. La supraĵon de la lando ni povas karakterizi tiel, ke la ŝajne senfinan ebenaĵon norde kaj nord-oriente ĉirkaŭas montetoj kaj montoj. La ebenaĵo okupas la orientan parton de la lando. Norde situas la Norda-montar-regiono, kaj okcidente limas la ebenaĵon la Danubo. La Norda-montar-regiono grand-parte havas vulkanan devenon. Okcidente de la Danubo etendiĝas milda monteta regiono, la Trans-Danuba landparto.

La geografia situacio de la lando difinas ankaŭ la klimaton, kiu preskaŭ regule dividiĝas je kvar sezonoj. Post la agrabla printempo komenciĝas la somero meze de junio kaj ĝi daŭras ĝis meze de septembro, kiun sekvas ĝenerale varma aŭtuno. Januaro kaj februaro estas la plej malvarmaj monatoj. La montojn kovras riĉaj vinberĝardenoj, famkonataj abrikotejoj, frukt- kaj legom-ĝardenoj, rizkampoj kolorigas la hungaran regionon.

La longa somero, la varma sunbrilo donas al la fruktoj bonegan aromon kaj al la greno la valoran amelan enhavon. Inter la hungaraj legomo-kreskaĵoj la plej fama estas la papriko, kiu havas la plej riĉan "C"-vitaminon. La rivero Tisza iam estis tre senbrida, sed nuntempe oni devigis ĝin flui en larĝajn kanalojn kaj sur la iam superakvigata teritorio oni konstruis grandajn industriajn centrojn. Sur la iama, senherba teritorio de Hortobágy nun — parte — estas jam riĉa terkulturado. En la lando ŝanĝiĝas grandaj ebenaĵoj, montetoj kaj romantikaj pejzaĝoj. Riveroj, riveretoj, fluas al Tisza kaj al la inerte fluanta Danubo.

En la vento flirtadas fumo de l' fabrikoj kaj nokte brilas lumo de la urboj. Ĉio ĉi estas sur la tero. Sed el sub la tero mirinde-abunde fluadas la terapiaj fontoj. En tuta Eŭropo nenie estas tiel riĉaj terapiaj fontoj, kiel en Hungario. Apenaŭ ni konas mondurbegojn, kiuj estas ricevintaj tiom da riĉaj donacoj de la naturo, kiom la hungara ĉefurbo Budapeŝto. Ĉi tiu belega mondurbego estas la plej granda kuracbaneja urbo de la tero. En Budapeŝto preskaŭ senrimarke ekfontas la naturaj, varmegaj kuracfontoj. El ili nuntempe estas konataj 220. La plej modernaj kurac-banejoj kaj kurac-hoteloj atendas la gastojn.

Sur la du bordoj de la Danubo evoluis la mondurbo Budapeŝto, havanta du milionojn da enloĝantoj. Budapeŝto estas la centro de la hungara kulturo, arto kaj politiko. Krome ĝi estas ankaŭ la centro de la trafiko. De tie ĉi ekiras la modernaj internaj kaj eksterlandaj trafik-vojoj, la aeroplanoj de KLM kaj SABENA ktp.

Budapeŝto havas dek du konstantajn teatrojn, du oper-domojn, du koncertĉambregojn, cirkojn kaj pli ol cent kinoteatrojn. En la muzeoj de Budapeŝto estas trovebla mondfamaj kolektaĵoj. La hungaraj universitatoj kaj ĉeflernejoj estas famkonataj. Ĉi tiu urbo efektive donas al sia loĝantaro kaj al la vizitantoj ĉion por senti sin bone ĉi tie. Estas multaj vidindaĵoj kaj amuzeblecoj. La gastoj, venintaj de kie ajn, ne trompiĝos.






# LA 14-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - KONGRESO

en Budapeŝto, Hungarujo, inter la 5-a kaj 11-a de majo 1962.

Ĉefprotektanto Stefano Kossa, ministro de trafiko kaj poŝto.

Protektata kaj subtenata de la Hungara Ferovjista Sindikato kaj de la Hungara Esperanto-Asocio.

**Adreso por ĉiuj korespondaĵoj:**
14-a I.F.E.F.-kongreso Budapest 64, Poŝtfako 7.

**Bankkonto por eksterlandanoj:** Magyar Nemzeti Bank, Konto: IBUSZ, 14-a IFEF-kongreso, Budapest.

**Bankkonto por enlandanoj:** Országos Takarékpénztár (O.T.P.) Budapest, N-ro: 44.029-VI.3.

**Kongresejo:** Centra Domo de la Konstruaj laboruloj, Budapest VI: Gorkij-fasor 50. Ĉe la angulo de Dózsa György-ut 84.a.

## 4-a KOMUNIKO

**Novaj rabatoj por la kongresanoj**

Ni informas la gekolegojn, ke LKK sukcesis atingi pliajn faciligojn. Niaj kompetentuloj certigis favoran hotel- kaj pensionkostojn por sukcesigi la kongreson. Jen la novaj rabatitaj prezoj:
Tuttaga pensiono en 2—3 litaj ĉambroj (hotelo kun 3 manĝoj) en hotelo A por ĉiu mendita tago 5.—; en hotelo B 4.— dolaroj.
Hotelo kun matenmanĝo kategorio A 3.20, B 2.40 dolaroj.
Tiuj hoteloj situas en la centro de Budapeŝto.

**Kromaj elspezoj**

Por aŭtobusa veturado (komunaj veturoj, veturo al la Junulara Fervojo, okaze de la 1-a tuttage ekskurso en montara regiono de Norda Hungarujo proksimume 200 km) 4 dolaroj; por abunda malvarma plado kaj vinoj ĉe la lago Balatono 2 dolaroj. Ĉio estas pagebla per hejmlanda valuto post la alveno en la kongresejo. Tiuj ĉi kondiĉoj validas **ĝis la 15-a de marto.**
Por tiuj, kies hotelmendiloj alvenos poste, LKK povas certigi tranoktadon kaj pensionon nur en luksaj hoteloj.
Profitu la bonan okazon, ne hezitu, sed sendu vian aliĝilon tuj!

**Kongresas nia fervojista junularo**

Laŭ la deziro de la IFEF-estraro LKK zorgos pri specialaj programeroj por niaj gejunuloj, kiuj de jaro al jaro pli multnombre partoprenas niajn kongresojn. Nia elkora deziro estas ke ili sentu, ke la kongreso apartenas ankaŭ al ili. En la kadro de la hungara IFEF-sekcio formiĝis Junulara Komitato, kiu preparas la junularajn dumkongresajn aranĝojn. La gejunuloj fervojistaj havos okazon priparoli siajn problemojn kaj dezirojn en speciala kunveno jam antaŭ la interkonatiĝa vespero.
Gejunuloj fervojistaj, niaj estontaj posteuloj, pripensu, agu, aliĝu kaj venu amase al la Budapeŝta Fervojista Kongreso!

**KONGRESA PROGRAMO**

**Vendrede 4-5:**
Malfermo de la kongresejo. Akceptado de la kongresanoj ĉe la stacidomoj.

**Sabate 5-5:**
Akceptado de la kongresanoj ĉe la stacidomoj dum la tuta tago.
9.00 Kunsido de la LKK kaj IFEF-estraro.
10.30 Redaktora kunveno.
14.30 Estrara kaj delegitara kunsido.
20.00 Interkonatiĝa vespero kun internacia programo.

**Dimanĉe 6-5:**
9.30 Solena malfermo.
12.00 Komuna fotografado.
13.00 Rondveturado per aŭtobusoj en la urbo.
20.00 Solena prezentado de fervojistaj kulturgrupoj.

**Lunde 7-5:**
9.00 Unua laborkunsido.
14.00 Vizito al la Parlamentejo (grupo 1).
14.00 Terminara kunveno.
14.30 Vizito al la Junulara Fervojo (grupo 2).
15.00 Vizito al la Parlamentejo (grupo 3).
15.00 Junulara kunveno.
16.00 Unua kunsido Fakprelega Komitato.

Libera vespero kun laŭplaĉa programo: ŝipveturado por la junularo; vizito al amuza parko (hungare: Vidám Park); taga kaj vespera flugado per aeroplano super la ĉefurbo; vizito al teatroj aŭ kinejoj; aŭskultado de popola muziko.

**Marde 8-5:**

Tuttaga ekskurso kun surpriza programo al Norda Hungarujo per aparta vagonaro ĝis la urbo Miskolc; poste per aŭtobusoj 200-kilometra veturo en norda regiono. Forveturo matene, reveno vespere.

**Merkrede 9-5:**

9.00 Dua laborkunsido.
14.00 Vizito al la Parlamentejo (grupo A).
14.30 Vizito al la Junulara Fervojo (grupo B).
15.00 Vizito al la Parlamentejo (grupo C).
Laŭdezire en apartaj grupoj vizito al fervojaj uzinoj, stacioj kaj institucioj.
20.00 Internacia balo kun internacia programo.

**Ĵaŭde 10-5:**

9.00 Fakprelego kun filmprezentado. Temo: spertoj pri senbreĉaj fervojlinioj kaj pri betonaj ŝpaloj en Hungarujo.
11.30 Dua Kunsido Fakprelega Komitato.
14.30 Amika renkontiĝo de la esperantistaj fervojistoj partoprenantaj en la pacmovado ĉe la Hungara Packonsilantaro.
17.00 Filmprezentado, poste variaj amuzaj programoj. Nia junularo dancas.

**Vendrede 11-5:**

Dua tuttage ekskurso per aparta vagonaro al la lago Balatono. Solena fermo de la kongreso. Forvojaĝo matene, reveno en Budapeŝto ĉirkaŭ la 22-a horo.

**Sabate 12-5:**

Libera tago. Adiaŭ al la forvojaĝantoj.

**Dimanĉo 13-5:**

Tutlanda Esperant-renkontiĝo kun programo de la Hungara Esp-Asocio ĉe la Danubo en la urbo Dunaujváros. Forvojaĝo per aparta vagonaro matene, reveno vespere ĉirkaŭ 22-a horo.

Adiaŭ! Bonan vojaĝon! Ĝis revido en Stoke-on-Trent dum nia 15-a!

---

## GRAVA ATENTIGO!

Ĉiu programero komenciĝos precize en le fiksita tempo. LKK petas la kongresanojn alveni ĝustatempe por ne ĝeni la ĉeestantojn. Interkonsente kun la IFEF-estraro la pordoj estos fermitaj post la komenciĝo de la programeroj. Eniro estos eble nur dum la paŭzoj. La serioza kongresa laboro kaj la glata irado de la aferoj postulas tion, ĉar la rezultoriĉe plenumita programo estas la pruvo pri la avantaĝoj de seninterpretista traktado dum internaciaj kongresoj.

Loka Kongresa Komitato

---

## KONGRESPROPONOJ

1. **De la IFEF-estraro:**
   La kotizo restu la sama.
2. **De BEFA (Belgio):**
   a) Ĉiu landa filio de IFEF klopodu akiri subvencion ekde 1963 por la eldonado en propra lando de unu Internacia Fervojisto po jaro, laŭ la sama sistemo de Paco, organo de MEM.
   b) En 1963 tiuj landaj filioj eldonu po unu I.F. tute laŭ propra iniciativo:
   c) En 1964 la tiama IFEF-kongreso decidu pri la plej konvena eldonmaniero.

**Komentario:**

Nia I.F. jam multe pliboniĝis, sed necesas plua plivalorigo. Nia internacia organo devas esti tiom ampleksa kiom la Jugoslavia Fervojisto, ekz.
La eldonritme restu kiel ĝi nun estas.
La redaktoro de la ĉefestraro estu tiam nomata la ĉefredaktoro, dum la redaktoroj de la landaj filioj iĝu la landaj redaktoroj.
La financoj kiujn IFEF dediĉas al la nuna I.F. estu uzataj por la kompensado de la sciigoj de la ĉefestraro en la nova eldonsistemo. La sciigo de la landaj filioj plue aperu kiel antaŭe, sed ĉiu eldono sur si mem estu specifika nacia eldono kun internacia karaktero.

**Komento de la IFEF-estraro:**

Ĉi tiu propono meritas profundan pritrakton. Se efektivigebla, ĝi donos la longe deziratan okazon pliampleksigi nian internacian gazeton. Kompletigadon kaj presadon povos prizorgi la redaktoro en Nederlando. Prokrasto ĝis 1964 estas nerekomendinda.

3. **De BEFA (Belgio):**
   Instige al internacia membro-varbado ni proponas ke ĉiu landa filio akceptu dum tuta semajno kiel gaston la membron de kiu ajn landa filio, kiu dum tuta jaro varbis la plej grandan nombron da membroj por sia landa sekcio.

**Komentario:**

La varbotaj membroj estu ekz: aktivaj membroj (fervojistaj esperantistoj), subtenantoj, kursanoj aŭ simpatiantoj.

Ĉiuj tiuj membroj devas esti membroj, kiuj alportas ian kontribuon al la landa filio.

4. **De GEFA (Germanio):**
Oni aperigu ĉiujn oficialajn raportojn kaj la protokolojn pri la kongresoj en la tuj post la kongreso sekvonta numero de la IFEF-organo, eĉ se ĝi eventuale iom prokrastiĝus. Ankaŭ la bildoj en ĝi koncernu la kongreson. La amplekso de tiu ĉi numero devus esti adaptata al la materialo, ne male.
**Komentario:**
Nepre necesa estas ke ĉiuj raportoj troviĝas en la sama numero kaj ne disigitaj en du aŭ tri numeroj dum duona jaro, tiamaniere perdante siajn tutajn aktualecon kaj valoron. Se oni bezonas pli da paĝoj oni povas ŝpari ilin en posta(j numero(j).

5. **De GEFA (Germanio):**
Ĉiu landa asocio sendu tuj post eldono de fervoja prospekto, aperigo de esperanto-teksto en horaro ktp, po unu specimeno al ĉiuj aliaj landaj asocioj, tiel ke ĉiuj havos la eblecon, utiligi la materialon por propagando ĉe la propraj administraciaj instancoj.

# TAGORDOJ

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Ricevitaj salutleteroj kaj telegramoj.
3. Rimarkigoj pri la kongresraporto de Barcelono.
4. Pritrakto de la jarraportoj:
   a) de la sekretario;
   b) de la kasisto;
   c) de la redaktoro.
5. Raporto pri la antaŭpreparaj laboroj por la starigo de junulara grupo.
6. Konciza raporto pri la redaktora kunveno.
7. Pritrakto de la kongresproponoj.
8. Koncizaj raportoj pri la terminara kaj fakprelega kunvenoj.
9. Estrarelekto. (Ĉiuj, escepte la 1-a sekretario, estas reelekteblaj. Kandidato por tiu funkcio estas kolego Willy Graz el Germanio. Por du vakaj lokoj ni petas ankoraŭ kandidatojn.)
10. Elekto kaskontrola kaj konflikta komitatoj.
11. Elekto de la kongresloko en 1963 kaj la provizora en 1964.
12. Resumo de la kongresdecidoj.
13. Libera diskutado.
14. Fermo.

## TAGORDO DE LA ESTRARA KAJ DELEGITARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raporto pri la situacio en la estraro.
3. Laŭvola raportado de la landaj sekcioj.
4. Priparolo de la kongresproponoj pri L.I.F.
5. Libera diskutado.
6. Fermo.

## TAGORDO DE LA REDAKTORA KUNVENO

1. Malfermo pere de la IFEF-redaktoro.
2. Pritrakto kongresproponoj pri L.I.F.
3. Sugestoj pri la redaktado de L.I.F.
4. Interŝanĝo de spertoj koncerne la redaktadon de la landaj gazetoj.
5. Libera diskutado.
6. Fermo.

## TAGORDO DE LA TERMINARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la farita laboro.
3. Sugestoj pri nova tasko.
4. Libera diskutado.
5. Fermo.

# RAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1961

Jam estas 1962 kiam mi skribis ĉi tiujn frazojn. Denove finiĝis jaro; en la historio de nia movado la dektria. Dum kelkaj minutoj ni nun rigardu malantaŭen, kion la ĵus pasinta jaro alportis al ni kaj kion ni atingis. Kvankam ni ne havis grandiozajn sukcesojn, ni tamen havis sukcesojn, ekzemple kiam ni pensas pri la enkonduko de nia lingvo en la dana horaro kaj la kresko, kvankam modesta, de nia membronombro. Menciinde estas la plimultiĝo de la membronombro en la aŭstria kaj hungara sekcioj.
Ĉu ni vere povas esti kontentaj pri la rezultatoj? Senskrupule ni povas diri „Jes", ĉar ni bone konsciu ke la sukcesoj venis en periodo, dum kiu okazis la reorganizado en la ĉefestraro por plijunigi ĝin.
En la antaŭaj jarraportoj estas klare akcentite la deziro, ke tiuj ŝanĝoj en la ĉefestraro okazu sen stagnoj, kaj la multparolita estrarproblemo evoluiĝas en favora senco kaj senbrue al kontentiga solvo. Jam tio estas sukceso, kvankam en la kadro de nia propra rondo, tamen movado ne estus vivipova se mankus la bezonataj anstataŭantoj por okupi la lokojn, kiujn niaj antaŭuloj forlasis, aŭ forlasos.

En la sama maniero ni do daŭrigu nian laboron por la bono de nia movado fervojista, kiu en la daŭro de sia ekzistado rikoltis tiom da sukcesoj kaj la granda simpatio de multaj flankoj en nia esperanto-movado mem, sed ankaŭ en vastaj rondoj ekster nia movado.
Ni esperas ke nia federacio havas tre longan vivon. La saman kompreneble por niaj anoj, kvankam ni devas pripensi, ke por multaj venas la tempo, ke ili en estrarfunkcioj ne povos esti tiom aktivaj kiom antaŭe pro la alproksimiĝinta maljuneco. En la IFEF-estraro ankaŭ sidas tiaj personoj, kiuj, kvankam ne ankoraŭ senerengiaj, nun aŭ poste volas transdoni siajn taskojn al aliaj, junaj fortoj.
Per ĉi tiu temo mi tuŝis la konatan estrarproblemon. En la Helsinkia kongreso ni ja elektis komisionon por solvi la problemon. Kvankam tiu komisiono bone kaj fervore laboris, ĝi ne sukcesis trovi tujan solvon por la brulanta problemo. Malgraŭ la fakto, ke la komisiono dum nia lasta kongreso en Barcelono estis likvidata, ni devas pripensi, ke la problemo restas aktuala kaj postulas nian plenan atenton.
Ankaŭ en la pasinta jaro la morto forprenis el niaj vicoj kelkajn tre fidelajn membrojn. En Ĉeĥoslovakio mortis nia kolego Jan Zemek, en Finnlando nia amiko **Annti Ruhanainen,** kiu en 1960 tiel fervore kunlaboris por sukcesigi nian kongreson en Helsinki. En Francio mortis kolego Grebeli kaj en Germanio kolego Schuchmann. Ĵus antaŭ kristnasko atingis nin el Hungario la sciigo ke nia kolego Kovács, unu el la veteranoj, mortis. Plue ni perdis en Nederlando du kolegojn pro la morto, nome De Winter kaj Schaafsma. Respektplene ni memorigu iliajn meritojn por nia faka movado, al kiu la ok kolegoj donis siajn plej bonajn fortojn.
Ke ili ripozu pace!
En la sunplena Barcelono okazis la pasintan jaron nia 13-a kongreso, kiu estis sen troigo brila kongreso. Mi memoras la partoprenadon de pli ol 700 kongresanoj, la belegajn ekskursojn kaj la amuz- kaj kulturvesperojn, aranĝitajn de la LKK, kiu organizis pli ol la ĵus menciitan kaj kiun mi laŭdas ankoraŭfoje pro la giganta laboro, farita por atingi tiun sukceson. Al ĉiuj LKK-anoj en Barcelono mi do esprimas mian sinceran dankon pro la grandega laboro farita.
Dum postkongresaj tagoj multaj kolegoj vizitis la insulon Majorko, kie niaj hispanaj amikoj okazigis sian landan kongreson, kaj kie la amikeco inter la fervojistaj esperantistoj denove estis plifortigata sub la brilanta suno.

**La membronombro**

Kiel jam skribite, nia membronombro modeste kreskis. Ĉisube mi donas komparojn. Fine de la jaro 1960 la nombro estis 2425 kaj fine de 1961 ĝi estis 2439. Do nur 14 membrojn pli. La membronombro en la diversaj sekcioj nun estas:

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio | 15 | ( 15) |
| Aŭstrio | 226 | (208) |
| Belgio | 26 | ( 26) |
| Britio | 35 | ( 32) |
| Bulgario | 100 | (100) |
| Danlando | 100 | (102) |
| Finnlando | 57 | ( 57) |
| Francio | 303 | (317) |
| Germanio | 626 | (652) |
| Hispanio | 159 | (159) |
| Hungario | 103 | ( 51) |
| Italio | 89 | ( 89) |
| Jugoslavio | 105 | (129) |
| Nederlando | 134 | (141) |
| Norvegio | 54 | ( 54) |
| Pollando | 25 | ( 17) |
| Svedio | 153 | (142) |
| Svisio | 106 | (109) |
| Izolaj membroj | 22 | ( 24) |

Paranteze mi menciis la nombrojn de la antaŭa jaro. La nombro da sekcioj restis la sama. Do el tiu ĉi resumo vi povas vidi la grandan kreskon en la hungara sekcio: ĝi estas duobligita. Plue ankaŭ la aŭstria, la sveda kaj la pola sekcioj pligrandigis sian membronombron.

En Britio ni gajnis kelkajn anojn. Bedaŭrinde estas ke la nombro iom malaltiĝis en la germana, jugoslava, franca kaj nederlanda sekcioj. En la aliaj sekcioj la nombro restis la sama aŭ restis preskaŭ konstanta. La kresko do estas ne tiel brila kiel la antaŭa jarraporto, en kiu ni menciis la aliĝon de 212 novaj membroj, sed ĝi estu instigo por ni en la nova jaro fari ĉion eblan por varbi novajn adeptojn, por ke ni marŝu super la 2500 anoj!

**La rilatoj kaj administrado**

Nia prezidanto vizitis la estraron de la hungara sekcio, kaj havis detalan priparoladon koncerne la venontan kongreson.
La prezidanto ankaŭ ĉeestis la GEFA-kunvenon okazintan en Heidelberg en oktobro, kaj la jarkunvenon de la franca sekcio en decembro en Parizo kiel reprezentanto de IFEF.
En la pasinto jaro envenis la sekretariejon 357 korespondajoj. La du sekretarioj forsendis entute 140 leterojn kaj poŝtkartojn.
La rilatoj kun la aliaj esperantaj organizoj estis kaj estas bonegaj; same kun FISAIC.
Restas al mi danki ĉiun, kiu dum la pastinta jaro kun entuziasmo kunlaboris kun nia estraro kaj mi esperas, ke ankaŭ en la nova jaro la entuziasmo kaj amo por nia movado ĉe ĉiu estu same granda, aŭ eĉ pli granda, por ke ni konvinku la mondon pri la neceso de esperanto ankaŭ sur fervoja tereno.
Ĝis la revido en Budapeŝto!

La sekretario, Johano Poptie

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1961

| Enspezoj | | Elspezoj | | |
|---|---|---|---|---|
| Landaj kotizoj | f 3835,75 | Preskostoj L.I.F. | | f 2382,74 |
| Abonantoj | „ 6,— | Afrankkostoj L.I.F. | | „ 180,42 |
| Simpatiantoj | „ 84,— | Afrankkostoj estraro | | „ 61,84 |
| Subtenoj L.I.F. | „ 326,24 | Kliŝoj | | „ 83,01 |
| Kotizo adoptitaj anoj | „ 11,— | Reprezentkostoj | | „ 114,40 |
| Kotizo izolaj membroj | „ —,— | Kontorbezonajoj/riparoj | | „ 167,70 |
| Donaco svedaj anoj | „ 215,45 | Kotizo U.E.A./S.A.T. | | „ 30,— |
| Rentumo 1960 | „ 62,42 | Estrarkunvenoj | | „ 18,50 |
| | | Propagando | | „ 22,70 |
| | | Telefono | | „ 1,15 |
| | | Bankkostoj | | „ 3,97 |
| | | Kongresbezonaĵoj | | „ 250,75 |
| | | Nova kapitalo | f 4234,17 | |
| | | Malnova kapitalo | „ 3010,49 | |
| | | Surpluso | | „ 1223,68 |
| | f 4540,86 | | | f 4540,86 |

## Bilanco de IFEF je la 31-a de decembro 1961

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo je 1-1-1961 | f 3010,49 | |
| Surpluso 31-12-1961 | „ 1223,68 | |
| Banko | | f 4234,17 |
| Pagenda kotizo | | |
| a) sekcioj | „ 291,50 | |
| b) adoptitaj anoj | „ 24,50 | |
| c) abonantoj / izolaj membroj | „ 28,— | |
| | | „ 344,— |
| Skribmaŝinoj | | „ 1,— |
| Glumarkoj | | „ 54,57 |
| Aliaj havaĵoj | | „ 251,75 |
| | | f 4885,49 |

## Budĝeto pri la jaro 1962

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo | f 4234,17 | Preskostoj L.I.F. | f 3300,— |
| Kotizo | „ 3600,— | Afrankkostoj L.I.F. | „ 250,— |
| Donacoj L.I.F. | „ 100,— | Estrarkunvenoj | „ 20,— |
| Vendotaj glumarkoj | „ 6,— | Administraciaj kostoj | „ 170,— |
| Abonantoj kaj izolaj membroj | „ 30,— | Kotizo U.E.A./SA.T. | „ 30,— |
| Pagenda kotizo | „ 344,— | Diversaĵoj (kliŝoj ktp) | „ 200,— |
| Subtenantoj | „ 60,— | Neantaŭvidotaj kostoj | „ 150,— |
| Rentumo | „ 80,— | Kapitalo | „ 4234,17 |
| | | Surpluso | „ 100,— |
| | f 8454,17 | | f 8454,17 |

Mi ĝoje povas komuniki ke niaj landaj sekcioj pli-kaj-pli pagas la kotizon. Bedaŭrinde mi ne povas diri tion koncerne la izolajn membrojn: ili pagis eĉ nenion por la jaro 1961. Ĉu ili ne scias kiamaniere sendi la monon? Nu, oni povas elekti inter du bankoj, nome:

1) De Nederlandsche Bank, konto 10563 Spaarbank Stad Amstredam, t.g.v. I.F.EF., Hofmeyrstraat 41 III, Amsterdam;
2) De Amsterdamsche Bank, konto 172680 Spaarbank Stad Amsterdam, t.g.v. I.F.E.F., Hofmeyrstraat 41 III, Amsterdam.

Ĉu vi opinias la sumon tro malalta por fari tiom da peno? Ne grave; pagu por du aŭ pli da jaroj samtempe.

E. R. Oosterwijk

La 17-an de januaro ni kontrolis la kaslibrojn ĉe kasisto Oosterwijk, kaj trovis ĉion en perfekta ordo. Ni dankas lin pro la multa laboro kaj peno farita por nia fervojista esperanto-movado.

J. A. Vermaak
H. Becker
C. Moerman

## JARRAPORTO DE LA REDAKTORIO

Same kiel en la pasinta jaro nia organo aperis sesfoje. La nombro da paĝoj tamen malgrandiĝis de 80 al 72. Pro la uzado de malgrandaj literoj ni tamen povis enpresigi plusminus 50 % pli da teksto ol antaŭe.

La 72 paĝoj surhavas do multe pli da kopio ol la 80 de la pasinta jaro, kaj la kostoj estas nur 10 % pli. Ni do daŭrigu laŭ la malgrandlitera sistemo, pri kiu ni jam konsentis en la redaktora kunveno en Barcelona.
En la kongreso la elekto de nova bultenkapo estis prokrastata, ĉar neniu projekto ricevis kontentigan nombron da voĉoj. La frontpaĝo de L.I.F. do restis la sama, kaj ĉiam montris foton koncerne la fervojon aŭ la kongreslandon.

Kritikoj pri la enhavo de nia organo ne atingis min, el kio mi kuraĝas konkludi ke niaj membroj estas kontentaj. Cetere mi enpresigas kion oni sendas al mi (kun maloftaj esceptoj), kaj kion mi mem trovas en diversaj organoj. Ofte okazas ke mi ne scias kiel plenigi la sekvantan numeron, ĉar la provizo de manuskriptoj elĉerpiĝis, sed ĉiam en la kriza momento la poŝto alportas kontribuaĵojn de kelkaj el miaj fidelaj konstantaj kunlaborantoj. Estus al mi tamen agrable ricevi ion el la landoj kiuj ankoraŭ nenion sendis. L.I.F. estas internacia organo, kiu do devas enhavi novaĵon el la tuta mondo. Do gekolegoj, verku, aŭ traduko almenaŭ unufojon jare artikolon por via gazeto. La membroj, kaj ne malpli la redaktoro tre dankas vin pro via peno.

Por la rubriko: „La legantoj parolas", mi ricevis kelkajn kontribuaĵojn, sed por la rubriko: „Lingvaj demandoj" tute nenion. Ĉu la vortoj trajnovagonaro estis la nura malklaraĵo pri gramatiko, vortfarado ktp?

Mi diris ke kritikoj pri la enhavo de L.I.F. ne atingis min, sed tio ne estas tute vera. Pere de nia sekretario mi nome informiĝis pri letero de iu kolego el Hispanio en kiu letero li esprimis sian malkontentecon pri la de mi verkita artikolo: „Nia 13-a kongreso en Barcelona" en L.I.F. 13-3 paĝo 2. Speciale li kritikis miajn vortojn pri la malfruiĝoj kiuj jam estiĝis en la unua kongresa tago pro la dispono de speciala trajno de Port Bou al Barcelona. „Ni opiniis", skribis la koncerna amiko, „agi tre bone kiam ni petis la specialan trajnon, ĉar estis tro multe da kongresanoj por trovi lokon en la laŭhorara trajno". Kompreneble tiu ideo estis tre bona, sed ankaŭ ĝi venis tro malfrue. Laŭ la programo jam je la 17-a horo estis kunveno de la LKK kun la IFEF-estraro, kaj je la 18-a Terminara kunsido. Ĉu mirige ke neniu ĉeestis tiujn kunvenojn, kiam la trajno alvenas je la 16.30-a horo?

Mi tre bone komprenas, ke la LKK-anoj havis multe da zorgoj kaj ili tage kaj nokte laboris por kontentigi la pli ol 700 kongresanojn. Tial tute ne estis mia intenco riproĉi ilin. La tasko de redaktoro tamen estis informi la legantojn laŭvere, kaj kiam mi diversflanke aŭdas pri „la kongreso de la malfruiĝoj", kaj kiam eĉ hispano skuas la kapon vidante la spektaklon ĉe la akceptado de la lunĉosakoj en la „botelkolo" de la restoracio en Vilafranca, mi ne povas prisilenti la aferon. Neniu ĉeestinto plu prenus miajn raportojn seriozaj kiam mi fermus miajn okulojn por malperfektaĵoj. Ni ne forgesu ke estontaj LKK-oj devas lerni el la eraroj de siaj antaŭuloj.

H. Hoen

## EL LA SEKRETARIEJO

Ĉi-suban leteron ni ricevis de s-ro Theo Jung: „Karaj samideanoj, kiel vi povis legi en HEROLDO de 16-10-1961, estis mia intenco, dediĉi variajn sumojn (entute mil guldenojn) al la diversaj organizaĵoj kaj institucioj esperantistaj en Nederlando, kiel esprimon de mia varma danksento pro la simpatioj kaj subteno, kiujn mi ricevis de ili dum mia nun ĝuste 25-jara restado en Nederlando. (En 1936 mi venis ĉi-tien, kiam la nazi-gestapo estis likvidinta mian presejon kaj eldonejon en Kolonjo, kiu laboris je pli ol 90 % por Esperanto). Konforme al la supre esprimita intenco mi deziras ĝiri ankaŭ al I.F.E.F. 50 guldenojn. Ricevinte la sumon, bonvolu akcepti ĝin ne kiel donacon, sed kvazaŭ kiel repagon de ŝuldo, kiun mi sentas havi al la nederlanda esperantistaro pro la diritaj kialoj. Kun koraj salutoj, via Theo Jung".
Ĉi tiu letero, kiu ne bezonas komenton, ni ricevis da la eksiĝanta redaktoro de HEROLDO. La promesitan sumon ni danke ricevis en bona ordo.
Dankon ni esprimas ankaŭ al HEROLDO pro la loko, kiu ĝi ĉiam bonvole dediĉis al nia movado. Al Theo Jung ni deziras ankoraŭ longdaŭran kaj pacan vivon en la lando kiu fariĝis lia hejmlando.

**Adresoj de la landaj IFEF-sekcioj**

Kompleze al niaj funkciuloj ni publikigas ĉi tie la korespondadresojn de niaj landaj sekcioj:

**Aŭstralio:**

E. Crowe, 102 Shaftesbury Street, Coburg (Victoria).

**Aŭstrio:**

Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista, Postamt 76, Schliessfach 117, Wien.

**Belgio:**

„Esperanto", Centra Stacidomo, Bruselo.

**Britio:**

C. S. Parry, 17 Kendal Avenue, Tynemouth (Northumberland).

**Bulgario:**

Fervojista Esperantista Societo, Poŝtfako 386, Sofio.

**Danlando:**

Dana Esperanta Fervojista Asocio, H. Hauge, Vibevej 26, Risskov.

**Francio:**

Franca Fervojista Esperantista Asocio, 11 Rue de Milan, Paris 9.

**Finnlando:**

Esp-Societo de Finnlandaj Fervojistoj, Yrsö Louhevirta, Hämeentie 70 B, Helsinki.

**Germanio:**

Germana Esperantista Fervojista Asocio, Karlstrasse 4-6, Frankfurt a/M.

**Hispanio:**

Hispana Esperanta Fervojista Asocio, Estación Termino Renfe (Carteria), Bercelona(3).

**Hungario:**

Centra Fervojista Esperanto-Grupo, Népköztársaság-utja 73-75, Budapest VI.

**Italio:**

G. Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna.

**Jugoslavio:**

Macic Gradimir, Zmaj Jovina 52.IV, Beogrado.

**Nederlando:**

G. G. van Veldhuizen, Cremerstraat 166, Utrecht.

**Norvegio:**

Odd. Kolbrek, Kalkbakstuben 22.IV, Øvre Grorud.

**Pollando:**

E. Nawrowski, ul Hetmanka 20, Gdynia.

**Svedio:**

U. Wrigman, Parkvågen 17, Hallsberg.

**Svislando:**

Kurt Greutert, Via Lugano 16, Giubiasco(Ti).

## NOVAJ ELEKTRAJ TEE-TRAJNOJ DE LA SBB

La Svisaj Federaciaj Fervojoj kaj la Italaj kaj Francaj Ŝtafervojoj kondukas, depost la 1-a de julio 1961 sur la linioj Zürich - Gotardo - Milano kaj Milano - Simplono - Parizo novajn Trans-Eŭrop-Ekspres-Interligojn. Tiamaniere fermiĝis la ekzistinta truo inter la TEE-retoj de la nordo kaj tiu de la sudo de Eŭropo. La SBB mendis antaŭ proksimume tri jaroj la necesajn kvar TEE-trajnojn ĉe la Svisa Industri-Societo en Neuhausen kaj eĉ la maŝinfabriko Oerlikon. Intertempe ili liveriĝis kaj ĉiutage regule trafikas sur la antaŭvidataj linioj.

La nova elektra TEE-trajno konsistas el kvin vagonoj, trajneroj, t.e. el:

- po unu direktil-vagono ĉe ambaŭ finoj
- unu maŝinvagono, kiu entenas, krom la elektraj trakci-ekipajoj por ĉiuj el la kvar eŭropaj fervojaj kurent-sistemoj, ankaŭ kuirejon kaj dejor-kupeojn
- unu restoraci-vagono kun aparta trinkejo kaj
- unu pasaĝer-vagono, t.n. interspac-vagono.

La du direktil-vagonoj kaj la interspac-vagono posedas kune 126 komfortajn seĝojn en sama konstrumaniero kiel la jam konataj de la dizelelektraj TEE-trajnoj de la SBB/NS.

La TEE-trajno longas 125 metrojn kaj pezas ronde 250 tunojn. Ĝia trakci-povumo sumas 3400 ĉp. Tio ebligas rapidecon de 85 km/h sur la krutaj deklivoj de la Gotardo kaj Simplono kaj 160 km/h sur la, por tiu rapideco taŭgaj, ebenaj linioj. La maksimuma rapideco estas ankaŭ atingebla, kiam - laŭ neceseco - unu plia interspac-vagono estus aldonata.

La faritaj spertoj per la dizelelektraj TEE-trajnoj fariĝis tre valoraj ankaŭ ĉe la kreo de la vagonkonstrua parto. Montriĝis, ke la grandparto el la vojaĝantoj preferis vagonojn kun la meza koridoro ol kupevagonojn. La pasaĝer-kupeoj de la novaj TEE-trajnoj havas pro tio mez-koridoran aranĝon. Tute novkreitaj estas enirejoj, pakaĵ- kaj vestaĵdeponejoj kiel ankaŭ la sanitaraj instalaĵoj.

La vojaĝanto venas de la enirejo en la vastan

antaŭ-ejon kun granda vestejo kaj pakaĵdeponejo. Necesejoj, dividitaj por sinjorinoj kaj sinjoroj, kaj frizejo por la sinjorinoj troviĝas ĉe la alia vagonfino. Ĉe la trajnpinto povas la vojaĝantoj, el la antaŭejo de la direktil-vagono, observi la lokomotivestron dum sia laboro aŭ ĉe la trajnfino vidi la traveturitan linion. La fermita oportuna transirejo de unu vagono al la alia, tre ŝatata ĉe niaj dizel-TEE-trajnoj, restis.

En interesa maniero novkreita estas la lumigo de la sidejoj. Ĝi konssitas el larĝa lumstrio, enkonstruita laŭlonge de la vagonplafono.

Montriĝis, ke multaj TEE-trajn-pasaĝeroj frekventas dum la veturado la restoracian vagonon. Tiu vagono devus pro tio havi plej laŭeble multajn sidlokojn. Por gajni la necesan spacon oni lokigis kuirejon kaj bufedon en la najbaran maŝinvagonon. Tio nur ebliĝis, ĉar la elektra kvarkurentsistema trakci-ekipaĵo postulis konsiderinde malpli da loko ol la dizelekipaĵo de la malnovaj tipoj. Aliflanke montriĝis la kutima sidaranĝo, kvar seĝoj en la transversa vagondirekto, kiel iomete mallarĝa, Pro tio oni nur aranĝis tri sidlokojn.

La gastejo empleksas tiamaniere 48 komfortajn sidlokojn. Krom tio povas en la najbara trinkejo, kie dum la manĝotempo ne estas servata, pliaj ses lokoj esti uzataj por servado de manĝaĵoj.

La vagonoj ekipiĝis per kompleta klimatoinstalaĵo. Tiu establaĵo garantias idealan klimaton kaj aerumon ĉe ĉiuj ekzistantaj veterkondiĉoj.

La maŝinvagono enhavas la elektrajn trakciekipaĵojn por la diversaj kvar eŭropaj kurentsistemoj:

15 kV 16²/₃periodoj (Svisio)
3 kV kontinua kurento (Italio)
1,5 kV kontinua kurento (Francio, Dôle - Paris)
25 kV 50 periodoj (Francio, Vallorbe-Dôle)

Por la veturo sur la diversaj fervojretoj ekipiĝis la maŝinvagono kun kvar diverskonstruitaj kurentdepreniloj. Pro tio la trajnoj estas uzeblaj ne nur sur la antaŭvidataj linoj, sed ankaŭ sur la elektrigitaj ŝtatfervojlinioj de Aŭstrio, Germanio, Belgio kaj Nederlando. Ili do povas, se necese, anstataŭi la jam konatan TEE-trajnon „Edelweiss" sur la linio Zürich—Amsterdam.

Ĉe uzo de unufaza energio la elektra kurento transformiĝas per specialaj korektiloj en tiel nomatan ond-kurenton. La pel-motoroj povas esti funkciigataj per tiu energiformo kiel ankaŭ per kontinua kurento. Ili konstruiĝis por funkciigtensio de 1500 voltoj. Dum la veturo sur la italiaj linioj, kiuj estas per 3000 V provizitaj, po du el la kvar pel-motoroj daŭre konektiĝas en serio.

En la maŝinvagono estas plie la elektraj instalaĵoj por la liverado de la necesa energio por la klimatigo, lumigado, kaj kuirejo. Por tio uziĝas trifaza kurento de 380 voltoj.

La elektraj aranĝoj kaj establaĵoj en la maŝinvagono estas eksterordinare multspecaj. La funkciigado por la lokomotivestro kontraŭe al tio estas tre simpla. Premante al la tiurilata kurentsistemo apartenantan klavon, plenumiĝas aŭtomate ĉiuj necesaj konektiĝoj en ĝusta sinsekvo. La reguligo de la rapideco estas por ĉiuj kurentsistemoj identa. La ekipaĵo de la kondukejo diferencas por tio nur malmulte de la jam alkutimata aranĝo ĉe niaj pli novaj lokomotivoj. La lokomotivestroj ŝanĝas ĉe la limoj, tio signifas, ke la trajno kondukiĝas ĉiam de linikonanta lokomotivpersonaro. Dum la enkonduktempo la trajnoj estas akompanataj de svisaj bordmekanikistoj, kiuj kap͏̈las ripari simplajn perturbojn.

(laŭenhava traduko el „SBB-Nachtrichtenblatt")

## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ



**Enketo pri la migrado de la kukolo**

En 1961 mi aranĝis per Esperanto-revuoj enketon pri la migrado de la kukolo. Ĉirkaŭ 120 personoj afable informis al mi kiam la unua kukolo aperis printempe en ilia loko.

Malgraŭ tiu sufiĉe granda nombro, la enketo ne donas klaran bildon, ĉar tro multe mankas la informoj el suda kaj orienta Eŭropo, el orienta Azio kaj el norda Afriko.

Necesas refari la enketon dum pluraj sinsekvaj jaroj por ke la studo havu veran sciencan valoron. Mi tial denove petas la kunhelpon de personoj, kiuj loĝas eksterurbe, por ke ili havigu al mi en la printempo de 1962 jenajn informojn pri la kukolo:

a) nomo de la loko kaj situo rilate gravan urbon
b) dato de la alveno de la unua kukolo
c) aspekto de la regiono
d) (se eble) veterkondiĉoj dum la pasintaj tagoj
e) nomo kaj adreso.

Speciale interesaj estas la informoj el regionoj apud maroj aŭ montaroj, el insuloj, el norda Afriko kaj el orienta Azio.
La rezultoj de la unua enketo (1961) baldaŭ aperos. Nur post kelkaj jaroj povos aperi pli ĝeneralaj, komparaj studoj. Per ili mi provus montri la utilon de Esperanto por internaciaj sciencaj enketoj.

W. De Smet, Graaf van Egmontstraat 16, Antwerpen, Belgio.

**Svisa Esperanto-kalendaro por la tuta mondo**

La Svisa Esp-movado surprizis nin per la eldono de bela kalendaro por 1962. Per siaj belegaj bildoj de pitoreskaj naturo kaj pejzaĝo la kalendaro propagandas efike por Esperanto. Ĝi ne devas manki en la kontoro aŭ dejorejo de la fervoja esperantisto.

La kvanto por 1962 rapide elĉerpiĝis. Ne hezitu meni tiun kalendaron jam nun por 1963, eble kiel donacon ankaŭ por viaj geamikoj.

Eble la Esp-movado profitas pli multe, se tia kalendaro rezignate sian nacian karakteron fariĝas internacia per bildoj el Esperantujo, kiuj eksterordinare povas allogi la atenton de dorlotitaj kalendaramikoj. Esp-grupoj kaj landaj sekcioj prefere organizu kolektivan mendon, kie tio ne eblas, mendu rekte ĉe la eldonanto. Por atingi plej malaltan prezon, la necesa eldonkvanto devas esti precize antaŭkonata. Pro tio nepre respektu la aldonatajn tempo-limojn.

Prezo kaj kondiĉoj por eksterlandaj mendantoj: sfr. 4.50 aŭ 9 rpk (ĝis 30-4-1962) kaj sfr. 5 aŭ 10 rpk (post 30-4-1962). Tiuj sumoj estas inkluzive afrankaĵo registrita.

La sumo estu sendata samtempe kun la mendo (rpk en registrita koverto) al K. H. Mischler, Franklinstr. 29, Zürich 50, Svislando.

**Verkoj de D-ro Zamenhof estos denove haveblaj**

La 25-an de septembro 1961 s-ro André Ribot (Editions Françaises d'Esperanto, 11 rue Paul Vergnes, Marmande (Lot-et-Garonne, Francujo)) subskribis kun s-ro Ludwig Zamenhof, nepo kaj laŭleĝa heredinto de D-ro L. L. Zamenhof, kontrakton, laŭ kiu li estas de tiam posedanto de la aŭtorrajtoj kaj de la eldonmonopolo de la sekvantaj verkoj de nia majstro: Fundamento de Esperanto; Lingvaj Respondoj; Fabeloj de Andersen; Hamleto; La batalo de l' vivo; Marta; Proverbo Esperanta.

Pro aranĝoj faritaj jam antaŭ la subskirbo de tiu kontrakto, s-ro Régulo Pérez aperigos la Proverbaron.

La 5-lingva **Fundamento Esperanto** (Unua Eldono aprobita de la Universala Kongreso de Esperanto, Boulogne sur Mer, 1905) fote reproduktita, aperos baldaŭ kun la oficialaj korektoj de la Akademio kaj kun pluraj klarigaj aldonaĵoj, kiuj konsiderinde pligrandigos ĝian intereson kaj utileblecon. Kompreneble tia eldonprojekto necesigas tiel grandan kapitalon, ke sen la helpo de ĉiuj esperantistoj, la verkoj de nia majstro ne povus aperi antaŭ du aŭ tri jaroj. Sekve, ĉar temas pri neordinara eldono, s-ro Ribot pensis presigi poŝtkarte la portreton de D-ro Zamenhof kaj dediĉi la profiton de tiu disvendado al la ĉisupre aluditaj eldonaĵoj. La kartoj kostas po dudek 5 NF. Mendintoj pogrande ricevos rabaton de 20 ĝis 25 %.

**La specimenfoiro de Barcelono daŭre uzas Esperanton**

Por la jaro 1962 jam estas preta la oficiala afiŝo pri tiu gravega foiro. Temas pri gajkoloraj moderna reklamilo en la formatoj 70 × 100 cm kaj 30 × 40 cm, kiuj taŭgas ne nur por reklami pri la foiro, sed ankaŭ por montri ĝin al skeptikuloj kiel gravan ateston pri la disvastiĝo de Esperanto. Ni petas al la tutmonda esperantistaro veran diluvon da leteroj por peti afiŝojn **senpage** al: 30-a Oficiala kaj Internacia Specimenfoiro, Propaganda Fako, Paseo de Maria Cristina, s/n, Barcelona 4, Hispanujo. Se eble skribu sur papero de komerca, turisma aŭ industria entrepreno kaj menciu la lokon kie la afiŝo estos montrata.

## NEKROLOGO

Mortis en sia 39-a jaraĝo en Villanueva Y Geltrie nia kolego Johano Bages, kiu senlace laboris por nia idealo en Hispanio.
En Biel, Svislando, mortis eksoficejestro Georges Renaud en la aĝo de 76 jaroj. Sinjoro Renaud estis unu el la plej malnovaj membroj, estinta SAEF-prezidanto en la jaroj 1930/31. Li aktivis ĝis la lasta momento.

## ESPERANTO-KALENDARO POR 1962

**10 kaj 11-3**

En la kadro de la Svisaj Esperanto-tagoj en Basel, kun festa programo, okazos la SAEF-ĝeneralkunveno. Interesuloj petu kompletan programon ĉe K. Greutert, Via Lugano, GIUBIASCO (TI), Svislando.

**5 ĝis 11-5**

IFEF-kongreso en Budapeŝto, Hungario.

**3-7 ĝis 15-9**

Someraj okazajoj en Kastelo Grésillon, Baugé (M-et-L), Francujo. Petu detalan programon.

**20 ĝis 27-7**

Internacia feriosemajno en Francio, organizata de la grupo „Bona Stelo", 31 Rue Pêcherie, ROMANS (Drôme), Francio.

**4 ĝis 10-8**

SAT-kongreso en Vieno, Aŭstrio.

**4 ĝis 11-8**

U.E.A.-kongreso en Kopenhago, Danlando.

**2 ĝis 8-9**

Feriosemajno sur Oberbalmberg apud Solothurn, Svislando. Detalan programon vi petu ĉe kolego Hans Hunkeler, Esp-Poŝtfako 417, AARAU, Svislando.

**10 ĝis 22-9**

Dekkvartaga feriorestado en „De Leemkule", Nederlando. Petu informojn ĉe kol. T. M. Blauw, Begoniastraat 12, Zwolle, Nederlando.

## AL NIAJ FILATELISTOJ

La svisa poŝtadministracio en kunlaboro kun la svisa esperantoasocio uzos en la jubilea jaro 1962 specialan stampilon por senvalorigi la poŝtmarkojn. La stampilo enhavas portreton de d-ro Zamenhof kaj jenan tekston: „75 jahre internationale sprache" (75 jarojn internacia lingvo). Ĝi estos uzata en grandaj lokoj de Svislando, laŭ speciala programo:
Januaro: Basel 1 kaj Luzern 2. Februaro: Biel 1 kaj Zürich 1. Marto: Olten 2 kaj Winterthur 1. (La daŭrigo de la listo sekvos en aliaj numeroj de L.I.F.)
Atentu: temas **nur** pri maŝine senvalorigeblaj poŝtaĵoj!
Interesuloj, kiuj ne havas svisajn korespondantojn, povas sendi al la suba adreso adresitan respondkoverton kaj 2 internaciajn respondkuponojn (aŭ 3 stelojn) por la afranko kaj sendo de la letero al la respektiva poŝtoficejo. La subskribinto ne povas korespondi pri tiu ĉi servo.
J. J. Sturzenegger, Rothstr. 7, Zürich 57, Svisio. Centra kasisto de la Svisa Esperanto-societo.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando